7a Jaro Majo-Junio 1921 5-6 No (75-76)

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro.

Redakcia parto :
FRANS SCHOOFS
45, Kleine Beerstraat, Antwerpen

Abonoj kaj Monsendoj :
FERN. MATHIEUX
15, Avenue cl-Air, Uccle

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## La Deka Belga Kongreso Esperantista

LIEGE, 14 — 15an DE MAJO 1921.

PRINCO LEOPOLDO DE BELGUJO AKCEPTAS LA HONORAN PREZIDANTECON DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA.

De sabato, la 13an de majo, la kongresanoj jam alvenis el ĉiuj flankoj de la lando. De la stacidomo Guillemins ili tuj iris al la Akceptejo,kie kore akceptis ilin la membroj de la loka organiza Komitato,kiuj kuraĝe sin okupis pri la disdono de la kongreskartoj kaj loĝbiletoj, kaj pacience respondis al ĉiuspecaj demandoj faritaj de la alvenintoj.

* * *

Dimanĉon matene ĉiu alveturanta vagonaro alkondukis novajn gesamideanojn. Je la 9 1/2a horo nia anaro, konsistanta el proksimume 125 personoj, sin lokis malantaŭ muzikistaro de unu el la plej bonaj societoj de la distrikto. Akompanataj de gajaj marŝarioj, ni iris tra la tuta urbo al la Universitato, kie okazos la

ĜENERALA KUNVENO

de la Belga Ligo Esperantista.

Je la 10a horo la Akademia Ĉambrego estis prekaŭ plena, kaj S-ro L. Cogen, vicprezidanto de la Ligo, malfermis la kunsidon kaj legas jenan

MALFERMAN PAROLADON :

« Estimataj Gesamideanoj kaj Geamikoj !

» Malfermante la Xan Kongreson de la Belgaj Esperantistoj, mi
» senkulpigas antaŭ vi nian amikon S-ron Witteryck, prezidanton de

» la Belga Ligo Esperantista, kiu estis nepre malhelpata okupi sin pri
» la preparado de la hodiaŭa kunveno. Lian bonvenan saluton mi al-
» portas al ĉiuj Geesperantistoj kunvenintaj en ĉi tiu universitata ĉam-
» brego por partopreni al tiu nova montro de la Esperantista vivo en
» nia lando.

» Tiu saluto estas ĝoja kaj esperoplena, kaj ĝi estas precipe kora
» kaj danka al la alilandaj Geesperantistoj, kiuj altrudis al si longan
» kaj multekostan vojaĝon por veni interfratiĝi kun ni, Belgoj, dum
» paro da tagoj, kune pasigotaj en «Esperantujo», kaj kunhelpi, per sia
» simpatia ĉeesto al la revigligo de niaj Esperantaj sentoj koj kuraĝo!

» Kaj, se vi permesus al mi fari apartan citon, mi adresus saluton
» speciale koran kaj simpatian al la membroj de la Angla «Romilly
» Boys'» ĥoro, kiuj faris transmaran vojaĝon por veni ĉarmi niajn
» orelojn per sia instrumentludado kaj arta kantotalento. Mi tutkore
» deziras al ili la plej entuziasman sukceson en ĉiuj belgaj urboj, kie
» ili kantos dum la hodiaŭ komencanta semajno.

» La saluto al vi ĉiuj, karaj geamikoj, estas ĝoja, mi diris. Tamen
» ombro glitis sin en tiun radioplenan pentraĵon. Kial Lieĝo estas
» elektita, pasintan jaron, kiel la venonta kongresurbo? Ĉar tie loĝis
» la glora defendinto de tiu urbo dum la unuaj atakoj malamikaj de
» aŭgusto 1914a, la famakirinta Generalo Leman, kiu estis ankaŭ ku-
» raĝa defendanto de la ideo de Lingvo internacia; kiu estis jam de
» longe membro de la Honora Komitato de la Belga Ligo Esperantista,
» kaj kiu akceptis, dum aŭgusto pasinta, la Honoran Prezidantecon de
» la Ligo! Imagu al vi, karaj gesamideanoj, kiel entuziasma kaj kura-
» ĝiga okazaĵo estus estinta la kongreso sub la morala apogo, kaj eble
» eĉ la efektiva ĉeestado de tia viro! Tion ne permesis la sorto! Nia
» glora protektanto, ho ve, mortis preskaŭ subite, la 17an de oktobro
» 1920a, kaj la bedaŭrinda foriro de tiu granda civitano funebrigis
» ne nur lian estimatan familion, liajn kuncivitanojn kaj admirantojn,
» sed ankaŭ la Esperantistaron! Jam de 1907 Generalo Leman klopodis
» por nia afero: li decidigis la Belgan Registaron sendi la tiaman leŭ-
» tenanton Maurice Cardinal kiel oficialan delegiton al la internacia
» Kongreso Esperantista en Cambridge. En la komenco de 1908 li
» organizis paroladojn pri Esperanto kaj kursojn en la Lernejo de Apli-
» kado. Eĉ dum la lastaj monatoj de sia vivo, en «La Belgique Colo-
» niale» li defendis nian lingvon per vortoj trafaj kaj energiaj, kiuj
» montris profundan konvinkon pri la utileco, jes, la neceseco de la
» ekzisto de lingvo internacia en la nuna monda civilizacio!

» La morto de Generalo Leman estas grandega perdo por la Espe-
» rantistaro. Al vi, gelieĝanoj, kiujn li kiel eble plej bone protektis,
» per siaj kuraĝo kaj genio, al lia kara familio, ni, geesperantistoj,
» prezentas niajn emociajn kondolencojn kaj ĉiuj kliniĝas je la memoro
» de tiu glora civitano kaj samideano!..............

» Malgraŭ tiu malĝojiga sortbato, niaj Lieĝaj amikoj ne senkuraĝ-
» iĝis ! Admonitaj de la ekzemplo de la kara mortinto, ili senripoze
» daŭrigis la preparadon de la hodiaŭa kongreso. Ili fondis pro tio
» novan grupon kun signifoplena nomo: «La Lieĝa Ago». Hodiaŭ ili

» atingis la finon de sia klopodado, kaj al ili ni ŝuldos ĉion bonan,
» agrablan, utilan por nia afero, kion ni trovos kaj travivos dum la du
» Pentekostaj tagoj en la gastema urbo Lieĝo.

» Mi timas malkvietiĝi ilian modestecon; tial, sciante ke, sub la
» gvidado de ilia estimata prezidanto, komandanto Raulier, ili
» certe ŝparis nek tempon, nek penon por sukcesigi la nunan
» kongreson, mi diras, je l'nomo de la kongresanoj, opan dankon al
» ĉiuj lieĝaj amikoj kaj organizintoj. La vido de la sukceso de ilia
» agado plenigu ilin je tiu agrabla sento de kontenteco, kiun oni sen-
» tas post merite plenumita tasko.

» Mi adresas ankaŭ respektoplenan sed entuziasman dankon al Sin-
» joro Skabeno Henault, kiu baldaŭ akceptos nin en la urbodomo, kaj
» ne malpli al S-ro Rektoro-Administranto de la Lieĝa Universitato,
» dank'al kies granda afableco ni havas la honoron okazigi la jenan
» kunvenon en la konstruaĵo de la Universitato mem. Tio estas antaŭ-
» signo tre favora por nia afero!

» La Lieĝan ĵurnalistaron mi ankaŭ simpatie salutas kaj dankas pro
» ĝia favora kaj bonvola sintenado por la demando de la L. I. Tre
» utilaj la ĵurnaloj estis al la preparado de la hodiaŭa kongreso.

» Estimataj Gesamideanoj! Kiam mi trarigardas la okazintaĵojn por-
» esperantajn dum la lastaj dek-du monatoj, ŝajnas al mi, ke ni rajtas
» esti sufiĉe kontentaj. Pasintan jaron, en St. Gilles, mi diris ke «la
» celo de la tiama kongreso estis rebriligi la flamegon antaŭmilitan,
» restarigi la grupojn, rekonduki nian belgan movadon ĝis la punkto
» atingita antaŭ la milito, por, poste, per freŝaj fortoj, puŝi ĝin ĝis
» la fina venko».

» La finan venkon, ni ja ne jam atingis !Sed kiom da kuraĝigaj aĵoj
» okazis! La dormantaj elementoj en multaj lokoj revekiĝis, multaj mal-
» novaj grupoj estas rekunigitaj kaj reeklaboris eĉ fervore: ni citu
» nur la nomon de Antverpeno por tuj elvoki la ideon pri vera abelujo!
» Ni citu Bruselon, Brugon, Mehlenon, Vervierson; ĉie la movado re-
» komencis kuraĝe; kaj la novaj grupoj ne lasis sin preterpasi de la
» antaŭmilitaj: la diversaj societoj de Gento kaj ĉirkaŭaĵoj, la grupo de
» St. Nikolao kaj aliaj vigle laboras kaj batalas por nia idealo, orga-
» nizante paroladojn, kursojn, festojn, eĉ komercajn societojn aŭ kon-
» torojn.

» Tre ĝojiga afero estis la reapero de nia organo «Belga Esperan-
» tisto» en tiel bela kaj ampleksa vesto! S-ro Schoofs, kiu sin okupis
» speciale pri tiu grava kaj premeganta tasko, meritas ĉies dankojn
» kaj gratulojn !

» Sed kelkaj faktoj estis precipe gravaj por nia ideo kaj ili okazis
» sur belga tero aŭ estis iniciatitaj de belgaj samideanoj! Mi volas
» paroli pri la enkonduko de Esperanto en la Internacian Universita-
» ton, kies sidejo estas en la Monda Palaco en Bruselo; kaj pri la deziro
» esprimita favore je Esperanto, dum la ĝenerala kunveno de la Tut-
» monda Kongreso de la Unuiĝo de la Internaciaj Asocioj, dum sep-
» tembro 1920. Tiuj du okazintaĵoj faris certe grandan impreson kaj
» efikon en la mondo por nia ideo. Ambaŭ ni ŝuldas almenaŭ granda-

» parte al nia klerega sampatrujano S-ro Otlet, la kreinto de la Monda
» Muzeo en Bruselo, en kiu nia lingvo, ankaŭ dank'al tiu granda pro-
» tektanto, okupas lokon tiel fierigan kaj feliĉigan por ĉiu Esperan-
» tisto !

» Karaj geamikoj, mi proponas ke, kiel dankesprimo vi aklamu la
» nomon de S-ro Paul Otlet!

» Lasu min samtempe gratuli la unuajn geprofesorojn Esperant-
» lingvajn en la Internacia Universitato, niajn bonajn gesamideanojn
» S-inon Cense, kaj S-rojn D-rojn Corret kaj Vanverst !

» Sed ekster ni lando, okazis alia grava fakto: la unua provo por
» enkonduki nian lingvon en la Societo de la Nacioj! Ĉiuj Esperantist-
» aj gazetoj raportis pri ĝi. Ĝi ne jam plene sukcesis kaj certe, en la
» nuna stato de nia afero, estus estinta preskaŭ mirindaĵo, se ĝi estus
» sukcesinta de la unua fojo, sed la unua, necesa kaj kuraĝpostula gesto
» estas farita; la semo estas disĵetita sur tero fruktodona, kiu ekĝermi-
» gos ĝin kaj plenkreskigos ĝin ĝis grandega, tutmonda, fortika ar-
» bego, sub kies ĉiam verda foliaro iam

» La popoloj faros en konsento
» Unu grandan rondon familian.

» Tiu unua semado estas ŝuldata al nia sampatrujano la «alter ego»
» de S-ro Paul Otlet, nome, Senatano Henri Lafontaine, kies nomon
» mi ankaŭ invitas vin aklami !

» Fine, mi ne kontraŭstaras la deziron, citi kvaran fakton gravan
» por ni. Kvankam ĝi ne rekte rilatas nian belgan movadon : la fa-
» voran rezolucion de la Komerca Ĉambro de Parizo, dank'al la inicia-
» tivo de la Pariza Grupo Esperantista! Ĝi ankaŭ faris grandan im-
» preson en la mondo kaj mi gratulas pro ĝi niajn tre karajn sami-
» deanojn francajn !

» Jen estas laŭ mi, estimataj samideanoj, krom la tutmonda kon-
» greso en Hago, kaj la anonco de tiu baldaŭ okazinta en Prago, la
» ĉefaj okazintaĵoj, kiuj donis al la belga movado Esperantista unue,
» al la tutmonda poste, antaŭenpuŝon tre seriozan al la fina venko !

» La saluto de nia Liga prezidanto, estis do, sufiĉe prave, ĝoja kaj
» esperoplena !

» Dependas nun de ni, geamikoj, ke la bona afero al kiu nia kara
» Majstro, nia bedaŭregata D-ro Zamenhof, dediĉis sian tutan vivon
» kaj forton, daŭrigu antaŭeniri sukcese. Kiel diris unu el niaj belgaj
» amikoj, la tempo de la teoria propagando de nia lingvo estas for: de
» nun ni devas montri ĝian praktikan utilecon per trafaj faktoj.

» Nu, hodiaŭ prezentiĝas okazo por labori praktike : mi invitas vin
» ĉiujn, karaj gesamideanoj, por partopreni en la nuna kongreso kaj
» esprimi dezirojn, preni decidojn praktike utilajn por nia kara ideo! »

Longa aplaŭdo salutis tiun paroladon.

Je tiu momento alvenis telegramo, kaj S-ro Cogen eldiris la jenajn vortojn:

» Gesamideanoj, Ni ne antaŭvidis la grandan sukceson, kiu okazas
» nun. Ni perdis nian honoran prezidanton, Generalon Leman, kiun ni

» ĉiam bedaŭros, sed gravega, bonega novaĵo, ĵus avenis: S-ro Wit-
» teryck sciigas al ni, ke li ricevis jenan telegramon:

Monsieur A. J. Witteryck,
Président des Epérantistes belges,
STEENBRUGGE.
Monseigneur le Duc de Brabant me charge de vous dire qu'Il est charmé d'accepter le titre de Président d'honneur de la Ligue Espérantiste Belge. Son Altesse Royale vous envoie ses souhaits pour le succès de votre congrès.
Le Chef du Cabinet du Roi :
(signé): Comte d'Aerschot.

(Traduko).
Al Sinjoro A. J. Witteryck,
Prezidanto de la belgaj Esperantistoj,
STEENBRUGGE.
Lia Princo Moŝto, Duko de Brabanto, min komisias, diri al vi,ke Li plezure akceptas la titolon de Honora Prezidanto de la Belga Ligo Esperantista. Lia Princa Moŝto sendas al vi siajn bondezirojn por la sukceso de via kongreso.
La Estro de la Kabineto de la Reĝo (subskribis) :
Grafo d'AERSCHOT.

La legado de tiu telegramo estas akceptita per longa ovacio. Laŭ propono de la Estraro, la kongreso akceptas forsendi jenan telegramon:

A son Altesse Royale le Prince Leopold au Palais Royal.
BRUXELLES.
Le dixième congrès Espérantiste Belge, réuni à Liége, salue son Altesse Royale, le prince Leopold de Belgique, et Le remercie respectueusement du puissant appui par lequel Il daigne encourager le mouvement humanitaire et éducatif Espérantiste, en acceptant le titre de Président d'honneur de la Ligue Espérantiste belge.
Le Président,
(signé): L. COGEN.

(Traduko).
Al la Princa Moŝto Leopold en la Reĝa Palaco.
BRUSELO.
La deka belga kongreso Esperantista, kunvenanta en Lieĝo,salutas Lian Princan Moŝton Leopoldon de Belgujo,kaj Lin respektplene dankas pro la potenca apogo, per kiu Li bonvolas kuraĝigi la homaman kaj edukigan movadon Esperantistan, akceptante la titolon de Honora Prezidanto de la Belga Ligo Esperantista.
La Prezidanto,
subskribis: L. COGEN.

S-ro H. PETIAU, Sekretario de la Ligo, legas telegramojn kaj leterojn de: S-ro A. J. Witteryck, Esperantista Federacio en Gefle (Svedujo), U. E. A., Brita Kongreso en Harrogate, S-ro T. Cart, S-ino Cense, F-ino Gerard (Paris), Esperantista Gruparo de Berlin, S-ro Ramboux (Leuven).

Poste, li prezentas jenan sian raporton pri la agado de la Ligo dum la pasinta jaro:

Estimataj Gesamideanoj.

Jen jaro forpasis de nia lasta ĝenerala kunveno. Nia tasko estas ĵeti rerigardon al ĝiaj okazintaĵoj. Jam unu jaro disigas nin de la lasta kongreso kaj tamen tiu-ĉi estas ankoraŭ tiel vivanta en nia memoro, ke oni kredus, ke ĝi nur okazis antaŭ kelkaj semajnoj! Efektive, tiu kongreso ne estas forgesebla! Ĉu ĝi ne estis la komenco de nova vivo por nia movado? Multaj el ni iris al St. Gilles kun korpremateco pro ĝia duba sukceso kaj pro ĝiaj konsekvencoj. Sed tuj, de la unua horo,

la ĝenerala impreso estis: «neatendita sukceso»! Certe ĝi estis neatendita sukceso ne nur pro ĝia bona organizado, ne nur pro la granda nombro de kongresanoj, sed precipe pro la bona impreso, kiun ĝi faris sur la belga esperantistaro redonante al ĝi memfidon kaj novajn fortojn por rekomenci, post la terura milito, nian pacan bataladon! Tiun belan rezultaton ni ŝuldas al niaj Bruselaj Samideanoj, kiuj prenis sur sin la organizadon de la kongreso kaj precipe al F-ino Jennen, kiu tiel ordeme, tiel inteligente kaj sindoneme aranĝis la kongreson. Je l'nomo de la belga samideanaro mi ree esprimas al ŝi nian sinceran dankemon.

Profitante la bonan impreson de la kongreso, multaj grupestroj tuj rekomencis la laboron kaj en preskaŭ ĉiuj urboj la movado refariĝis tre vigla.

ANTVERPENO. — S-ro Schoofs, la nelacigebla propagandisto sukcesis, dank'al sia senĉesa praktika laboro, redoni al la tiea movado gian antaŭmilitan viglecon. Antaŭ nur kelkaj tagoj li malfermis kurson por pli ol 200 gelernantoj! Pli ol ĉiuj paroloj tiu rezultato pruvas la efikecon de la propaganda sistemo de S-ro Schoofs, nia plej bona propagandisto, kaj ni konsilas al ĉiuj lin imiti. Alia praktika rezultato estas la fondiĝo de nova grupo «Esperantista Junularo de Antverpeno», kiu estas la juna gvardio de la tiea movado.

Siavice, S-ro Jacobs ageme laboris. Li restarigis sian grupon: «Suda Lumo» kaj krom tio propagandis inter la instruistoj por kiuj li malfermis kurson ĉeestita de ĉirkaŭ 30 lernantoj kiuj nun fondis specialan grupon. Tiu rezultato estas tre grava ĉar la finan sukceson de nia afero multe povas helpi la geinstruistoj. Ni varme gratulas S-ron Jacobs pri tiu bela rezultato imitinda de la aliaj urboj.

La gvidantoj de «Antverpena Esperantista Grupo» okupas sin pri la restarigo de tiu grupo. Ni esperu, ke ili baldaŭ sukcesos!

BRUĜO. — La tiea grupo ageme laboras sub inteligenta gvidado de ĝia Prezidantino, F-ino Yvonne Thooris, kiu senlace propagandas en ĉiuj rondoj. Ŝi faris plurajn tre sukcesintajn paroladojn kiuj havigis multajn gelernantojn al la kursoj, kiujn gvidas S-ro Dervaux, nia malnova fervora amiko. Ekzameno pri simpla kapableco ĵus okazis, en kiu sukcese partoprenis 5 gelernantoj.

BRUSELO. — F-ino Jennen, la nelacigebla propagandistino, gvidis kurson, entenatan en la programo de la liberaj kursoj oficiale organizitaj de la komunumo de St. Gilles. Dudeko da gelernantoj sukcese partoprenis la ekzamenon, kiu ĵus okazis. La 30an de januaro niaj Bruselaj amikoj organizis Esperanto-Tagon, kiu plene sukcesis. S-ro Schoofs tien kondukis grandan karavanon da junaj samideanoj kaj pli ol 200 neesperantistoj respondis al la alvoko de la organizantoj. Oni vizitis la Internacian Muzeon sub la gvidado de S-roj Senatano La Fontaine kaj Otlet, kiuj ne preterlasis la okazon montri favoron al nia afero. Okazis tre sukcesinta festo, kiun S-ro Bernier, la eminenta Skabeno de St. Gilles, kiu tiel afable akceptis nin dum la pasinta kongreso, honoris per sia ĉeesto.

CHARLEROI. — Du kursoj okazas regule ĉiusemajne en la Universitato de l'Laboro, gvidataj de S-roj Henraut, Bailleux kaj Nevraumont.

Je l'fino de la jaro okazos ekzameno pri simpla kapableco kaj belega diplomo mane farita de talenta samideana artisto estos donacata al la sukcesintaj kandidatoj.

GENTO. — Dank'al la klopodoj de S-ro Albert Maertens, la Honora Prezidanto de la «Genta Grupo Esperantista» tiu grupo obtenis la grandan favoron organizi siajn kursojn en la Universitato. La grupo «Progreso» donis siajn kursojn en urba lernejo. Ili bone sukcesis kaj tiu grupo montras tre grandan agemon. La 14an de novembro okazis ekzameno pri profesora kapableco. 13 kandidatoj el Gento kaj ĉirkaŭaĵo ĝin partoprenis kaj ĉiuj bone sukcesis.

LEDEBERG. — S-ro Varendonck, la animo de la tiea grupo sukcesis organizi kurson oficiale subvenciata de la komunumo. Jen ekzemplo imitinda.

MEĤLENO. — S-ro Baesens organizis kursojn en komunuma lernejo kaj vigle propagandas por konigi nian aferon en sia urbo, post kelkaj tagoj nova grupo estos tie oficiale starigata.

ST. NIKOLAO. — S-ro De Busscher, la konvinkita Esperantisto, ankaŭ tre bone propagandas.

VERVIERS. — La tieaj samideanoj montras sin tre laboremaj. Ili sukcesis varbi la lokajn ĵurnalojn al nia afero kaj ili akceptas ĉiujn propagandajn artikolojn senditajn al ili. Jen praktika propaganda sistemo, kiujn ni konsilas al ĉiuj, ĉar la propagando per la ĵurnaloj estas la plej efika. S-ro Hérion speciale sin okupas pri la propagando inter la skoltoj. Estas mezo en kiun ni nepre devas enkonduki nian aferon kaj ni faras varman alvokon por ke oni helpu tiucele S-ron Herion.

S-ro Pirnay, kiu neniam ripozas, okupis sin tre ageme pri la restarigo de la malnovaj grupoj el Beyne-Heysay, Moresnet k. c. Ni certe povas esperi bonan rezultaton pro lia agado. Li ankaŭ revarbis multajn malnovajn izolajn samideanojn.

Vi do povas konstati, ke, krom en kelkaj maloftaj urboj, oni ĉie tre ageme laboras por restarigi la movadon.

Sed krom la grupa agado, restis gravaj problemoj solvotaj : Jam de longtempe antaŭ la milito oni klopodis por havigi al la Ligo honoran prezidanton, kiu, per sia persona influo, povus doni al ĝi la moralan apogon, kiun ĝi tiom bezonas. Nu, kelka tempo post la kongreso, aperis en «La Belgique Coloniale» tre grava artikolo pri internacia lingvo, verkita de Generalo Leman nia nacia heroo. Tuj la Liga estraro prave opiniis, ke Generalo Leman estas la eminenta persono vane serĉita! Ni do skribis al li por peti, ke li bonvolu akcepti la honoran prezidantecon de la Ligo kaj li tutsimple respondis, ke li plezure akceptas! Granda ĝojo regis en nia anaro je la ricevo de tiu novaĵo. Sed, O ve! la grandaj esperoj, kiujn ni fondis pri la kunhelpo de Generalo Leman bedaŭrindege ne realiĝis: tuj post kiam li estis akceptinta la honoran prezidantecon de la Ligo la malsano ekkaptis lin, kaj kelkaj semajnoj poste la kruela morto forrabis lin, kaj S-ro Prezidanto ĵus diris al vi la gravecon de tiu perdo por nia movado! Sed tiu terura bato ne malkuraĝigis la Ligestraron, kiu havis alian gravan problemon por solvi: la reaperigo de B. E. Aperigi ĵurnalon ne estas afero facila nuntem-

pe : el ĉiuj flankoj oni plendis pri la prokrasto de la reaperigo sed malfeliĉe neniu donis la necesajn rimedojn por plenumi sian deziron!

Tamen, post interkonsento kun la posedantoj de la ĵurnalo la Ligo akiris sian oficialan organon «Belga Esperantisto» kun ĉiuj ĝiaj eldonaĵoj kaj post multaj penoj kaj klopodoj, sukcese venkitaj de S-ro Schoofs, kiu prenis sur sin la laborplenan taskon zorgi pri la presigo kaj direktado de la ĵurnalo, vi povis mem konstati kian belan aspekton havas nia revuo.

Sed, ne sufiĉas eldoni ĵurnalon; ĝi devas vivi! Estas do la devo de ĉiuj belgaj esperantistoj subteni sian nacian organon. Kun granda bedaŭro ni devas konstati, ke la grupoj ne multe helpas por certigi ĝian daŭran vivadon. Ili tamen decidis unuanime ke ĝi devis reaperi kaj firme promesis ĝin subteni per multaj abonoj. Nu, tiu promeso ne estas plenumita! Efektive, nur malmultajn abonojn la grupoj mendis kaj tamen dum la lasta Liga komitata kunveno ĉiuj delegitoj decidis, ke la grupaj kotizaĵoj estos aranĝataj tiamaniere, ke ili enhavu la abonprezon de B. E. por ke ĉiu grupano ricevu la ĵurnalon. Nu, ni rimarkas, ke anstataŭ abonigi ĉiujn siajn membrojn, multaj grupoj nur mendis la sufiĉan nombron de abonoj por ke ili profitu la rabatprezon, kiun la Ligo alkonsentis al la grupoj. Ni malkaŝe diros, ke tiel agante ili ne helpas la ĵurnalon sed, male, ili kvazaŭ ekspluatas ĝin. Ni altiras la seriozan atenton de la grupestroj pri tiu situacio kaj ni faras varman alvokon por ke ili pli efike helpu sian organon ĉar en la nunaj kondiĉoj ĝi tute ne povas vivi! Ne forgesu, ke B. E. estas nun la propraĵo de la Ligo, do la propraĵo de la grupoj, kiuj, konsekvence, devas zorgi pri sia posedaĵo! Ni do esperas, ke ili alprenos taŭgajn rimedojn por certigi la daŭran vivadon de nia revuo.

Krom la ĵurnalon, la Ligo organizis alian gravan fakon: la Gazetara Servo, kiun prizorgas kun admirinda sindonemo S-ro Schoofs, kiu sendas regule al ĉiuj belgaj ĵurnaloj la ĉefajn novaĵojn pri nia movado. Tiu Gazetara servo donas la plej bonajn fruktojn kaj ni tutkore gratulas nian amikon Schoofs kiu tiel ageme kaj sinofere direktas tiun utilegan fakon!

Fine, restis la organizado de nia ĉiujara kongreso kaj la elekto de la urbo, kie ĝi okazos. Feliĉe tiu afero estis facile solvata. Antaŭ kelkaj monatoj ni ĝoje eksciis, ke nova grupo fondiĝis en Liége, kie la movado malaperis jam de kelkaj jaroj. Ĉar de longtempe oni deziris, ke kongreso okazu en la valona ĉefurbo oni petis la junan grupon zorgi pri la organizado de la kongreso en sia urbo. Nu, kun la maltimemo de la juneco, ili akceptis tiun gravan taskon montrante tiel memfidon kaj agemon, kiujn multaj grupoj povus envii ! Ĉar ne forgesu, ke la Lieĝa grupo konsistis nur el kelkaj lertaj anoj kaj malgraŭ tio ili ne hezitis kaj akceptis la taskon, kiun ili majstre plenumis. La organizado estas bonege zorgita; ne nur la akceptejo estas tre bela kaj la akcepto tutkora sed niaj Liegeaj amikoj sukcesis okazigi nian nunan ĝeneralan kunvenon en la Universitato, donante al nia kongreso kvazaŭ oficialan karakteron. Ili ankaŭ sukcesis oficiale akceptigi la kongresanojn en la bela Lieĝa urbdomo. Kaj kvazaŭ organizado de kongreso ne estas jam

sufiĉe granda laboro la organizantoj devis ankaŭ sin okupi pri la akcepto de la angla horo «Romilly Boys' Choir», kiu baldaŭ alvenos, kaj zorgi pri ĝia loĝado kaj nutrado dum du tagoj! Nu ĉiujn tiujn malfacilaĵojn ili kuraĝe akceptis kaj venkis!

Je l'nomo de la tuta belga esperantistaro mi tutkore dankas niajn novajn Lieĝajn amikojn pro la sindonemo, la agemo, la sinofero kaj la vera samideaneco, kiujn ili montris por la organizo de la kongreso. Ni estas feliĉaj havi tiajn samideanojn en niaj vicoj kaj ni sincere gratulas iliajn gvidantojn S-rojn Komandanto Raulier, Oger kaj tutspeciale Sibille kaj Derigat kiuj estis la vera animo de la tuta afero. Mi esprimas al ili nian profundam dankemon pro la plenumita laboro kaj, Gesinjoroj, mi invitas vin ilin aklami per, kiel oni diras en franca lingvo, «Un triple ban»!

---

F-ino M. JENNEN, anstataŭante nian ĵus «patriĝintan» amikon F. Mathieux, Kasisto de la Ligo, legas sekvantan oficialan raporton pri la financa stato de la Ligo:

Karaj Gesamideanoj.

Mi multe bedaŭras ke tiun ĉi jaron, mi ne povas kiel kutime partopreni nian nacian Kongreson, kaj persone prezenti al vi mian raporton. Sed mi ĵus ekvarbis novan samideanineton, kiun mi ne kuraĝas forlasi tuj post interkonatiĝo.

Dum la ĵus fininta jarperiodo de la Liga vivo, la financa fako estis tute reorganizita laŭ novaj bazoj, kiuj havigis al ni novajn monrimedojn, sed ankaŭ novajn ŝarĝojn.

Ni rapide ekzamenu ambaŭ:

Dum nia lasta Kongreso, en Saint Gilles, ni publike ĝemis pro nia malriĉeco, kiu malhelpis al ni eĉ la plej malgrandan iniciativon. Tiu alvoko estis aŭdita de la plej fervoraj inter ni, precipe de la Grupaj Delegitoj, kiuj memvole decidis pagi, ĉiu laŭ sia povo, eksterordinaran kotizaĵon. De 20 personoj, mi tiamaniere ricevis tutan sumon da 1615 frankoj.

Mi tutkore dankas niajn amikojn kiuj donis tiun pruvon de sindonemeco.

Ni ĝoju pro tiu efika helpo, sed ni tamen devas rimarki ke tiu helpo estas nur momenta, kaj ke por starigi daŭran prosperan financan situacion ni devas precipe zorgi por regulaj ripetataj enkasigoj. Nu, je tiu vidpunkto bedaŭrinde, la rezultatoj ne estas ĝis nun kuraĝigaj: nur 3 grupoj pagis sian kotizaĵon (entute 37.50 fr.); izolitaj membroj: 20 fr. Soldo por Esperanto: 25.05; enskriboj por la lasta ekzameno: 140 fr.

Kiel konkludo, mi do devas insisti por ke ĉiuj grupoj faru sian eblon, ĉar nur komuna laboro povas havigi al ni daŭran vivpovon.

La ĉefa celo de niaj monrimedoj estas kompreneble la propagando. Krom tio niaj elspezoj estas tiel malgrandaj kiel eble: niaj administraciaj elspezoj sumiĝas je 102 fr., tiuj de la ekzameno je 70 fr.

Sed nia Komitato alprenis du decidojn gravajn:

1) aĉeto de ĉiuj esperantaj presaĵoj de S-roj Schoofs kaj van Schoor;

2) restarigo de nia nacia ĵurnalo.

La unua afero iĝis ebla dank'al la bonvolemo de niaj du antverpenaj amikoj, kiuj, antaŭ la milito, eldonis preskaŭ ĉiujn esperantaĵojn en nia lando. Kontraŭ sumo da 4.215.60 fr. la Ligo aĉetis, je plej favoraj kondiĉoj aron de eldonaĵoj plej interesaj, kiujn ĝi povos revendi po detale kun profito.

Ĝis nun la Ligo pagis 1000 fr. el sia ŝuldo.

La restarigo de «Belga Esperantisto» estis malfacila afero, unue ĉar la eldonelspezoj estas nun egaj, kaj due ĉar la nunaj vivkondiĉoj devigas multajn samideanojn eviti la elspezojn kiuj ne estas absolute necesaj. Tamen estas certe, ke, se la prezidantoj kaj delegitoj de la grupoj volus, ĉiu en sia rondo, insisti ĉe siaj anoj, ni konfide povus antaŭvidi la estontecon.

Ĝis nun mi enkasigis: por abonoj 919 fr., por anoncoj 250 fr., entute 1169 fr. Nu. ni povas kalkuli ke la 12 numeroj de jara kolekto kostos al ni ĉirkaŭ 3.600 fr. Vi do vidas ke plibonigo estas nepre necesa. Mi tamen devas aldoni ke multaj abonintoj ne ankoraŭ estas pagintaj. Mi esperas, ke ili rapide sendos al mi la abonprezojn pere de mia poŝtĉekkonto.

Mi esperas, Gesamideanoj, ke vi ĉiuj respondos al mia alvoko kaj ke vi senlace klopodos por ebligi starigon de prospera financa situacio, nepre necesa por ke ni vivu kaj progresu.

S-ro L. COGEN, prezidanto, diras, ke kelkaj samideanoj kaj kelkaj gazetoj uzas ne-fundamentan finaĵon «io» anstataŭ la laŭregulan sufikson «ujo» aŭ la formon «lando». Li atentigas la kongreson pri la danĝero de neutila rompo de nia lingva unueco,tiel necese por la propagando de la ideo mem de nia novado. Li proponas, ke la kongreso akceptu la jenan deziresprimon:

« La deka belga kongreso Esperantista esprimas tute ĝentile la de-
» ziron, ke la gazetoj, kiuj uzas kontraŭ la konsilo de la Akademio, la
» finaĵon «io» por landnomoj, revenu al la Fundamenta de Zamenhof
» ĉiam uzita formo «ujo», kaj ke tiamaniere malaperu rompo (eĉ al
» neesperantistoj nur tro evidanta) en nia internacia lingva unueco. »

La kongreso, per longa aplaŭdo akceptas tiun deziresprimon, tiel jesigante denove, la fidelecon de la belgaj Esperantistoj al la Fundamento.

S-ro H. PETIAU, legas la oficialan rezultaton de la lasta ekzameno pri profesora kapableco, kiu jam aperis en nia revuo. Li gratulas la novajn profesorojn, kaj esperas, ke ili uzos sian kapablecon por la propagando de nia lingvo en Belgujo.

S-ro L. COGEN, kiel unua sukcesinto el la novaj diplomitoj, dankas S-ron Petiau kaj ankaŭ la juĝantaron de la ekzameno.

S-ro FRANS SCHOOFS, diras: Laŭ la paroloj de la Prezidanto, mi notas, ke ni ne havas multe da tempo, kaj ke ni devas praktike labori. Mi deziras tutsimple altiri la atenton de ĉiuj grupoj kaj propagandistoj pri antaŭa decido de nia Belga Ligo: Dum la 2a Belga Kongreso (Brugo

1910) ni decidis, laŭ propono de nia samideano Van Aubel (Liège) kuraĝigi la propagandon de Esperanto inter la junuloj. Laŭ mi estas nepre necese, kaj estas eble, varbi la junularon. Ĉu la junaj varbitoj kaj varbotoj ne devos repreni de ni nian taskon kaj laboradon? En ĉiuj gravaj lokoj ni organizas kursojn. Kial ne por infanoj? Ni celas enkondukon de Esperanto en la lernejojn. Ni ne atendu ĝis kiam la afero estas propriniciate decidita de la oficialaj rondaj, kiuj ekagos nur kiam la ebleco de la instruado al infanoj estos pruvita de ni mem. Ni devas montri, ke la lernado de Esperanto tute ne malhelpas la ordinarajn studojn de la lernantoj, kaj ke ĝi estas, male, mirinda mensoklerigilo por la infanoj.

Estas evidente ke kurso por infanoj devas esti plenzorge farita, kaj devas esti multe pli malrapida, do pli longedaŭra ol niaj ordinaraj kursoj por plenaĝuloj. En Antverpeno mi spertis ke 50 decionoj duhoraj havis bonegan rezultaton. Miaj lernantoj oferis siajn dimanĉajn kaj ĵaŭdajn posttagmezojn : kaj la tri kvaronoj de la komencintoj alvenas nuntempe kun mi je la fino de la kurso.

Mi proponas al vi pristudi la aferon kaj akcepti la jenan deziresprimon:

« La deka belga kongreso Esperantista esprimas la deziron, ke ĉiuj
» lokaj grupoj organizu kiel eble plej baldaŭ almenaŭ unu kurson por
» infanoj - lernantoj. »

Unuanime la kongresanoj akceptas ĉi tiun deziresprimon.

S-ro FRANS SCHOOFS aldonas: Gesamideanoj, Mi kore esperas, ke, post via aplaŭdo vi ankaŭ laboros por efektivigi la deziresprimon. Mi certigas al vi, ke, per organizo de kurso por infanoj, vi certe vekos la intereson de la instruistoj, kiujn ni tiel multe bezonas por atingi nian celon. Nur energia laboro ĝuigos al vi dolĉajn fruktojn.

Sama parolanto ankaŭ atentigas la grupojn pri la pergazeta propagando, kiun la Belga Ligo organizas nun, kaj petas ilin, ke ili ne forgesu aŭ malzorgu sendi al li la artikolojn presitajn en la ĵurnaloj de ilia urbo aŭ distrikto, por ke, per «Belga Esperantisto» ni povu citi tiujn ĵurnalojn.

S-ro HAINE, diras, ke li faris kurson por 25 junuloj neriĉaj. Li bedaŭras, ke tiuj infanoj ne povis daŭrigi la lernadon pro manko de libroj kaj vortaroj. Estas ankaŭ necese, ke la infanoj povu facile trovi korespondantojn per iu ĵurnalo, kiun ili povus, se eble senpage, ricevi. Baldaŭ reaperos «Pedagogia Revuo», sub direktado de nia bona amiko Jan Jacobs, kaj per la helpo de la Esperantistoj plenaĝaj, la infanoj povus eble havigi al si korespondantojn per tiu revuo.

S-ro SCHOOFS respondas, ke sendube la mona flanko estas grava por la infanoj; li tamen opinias ke la grupoj tre utile povus sin turni al la lokaj postlernejaj societoj. Li tion faris sukcesplene en Antverpeno. Lia kurso estis fakte organizita de tia societo, kiu senpage liveris ĉiujn bezonaĵojn al la junaj lernantoj. Pri la koresponda afero li sciigas, ke ekzistas speciala porinfana gazeto «Esperantista Junularo» eldonata de S-ro Robin, Instruisto en Baugé (M. & L.) Francujo. Plie li komunikas, ke aperiginte malgrandan anoncon en 2 ĝeneralaj Espe-

ranto-gazetoj, li ricevis petojn por korespondi de pli ol 300 infanoj el pli ol 20 diversaj landoj. Multaj el tiuj petintoj ne jam ricevis respondon kaj la adresoj estas je la dispono de ĉiu ajn belga juna Esperantisto.

S-ino ELWORTHY - POSENAER insistas pri la neceseco de serioza propagando inter la gejunularo. Ŝi rememorigas tion, kion ŝi diris dum tiu jam aludita dua belga kongreso en Brugo. Ŝi citas i.a. « kaj ni, » Antverpenanoj, ĉu ni ne havas en niaj vicoj junulon, kiu estas unu el » la plej agemaj propagandistoj? Ĉu li, post starigo de grupo en iu » grava kvartala de la urbo, ne fondis grupojn en St. Mariaburg, Bor- » gerhout, Boom kaj Willebroeck ? » Tiu junulo neniam forlasis nin kaj nuntempe, post 11 jaroj, denove staras en la unua vico de la Belga klopodantaro. Ĉu tio ne estas ekzemplo kaj plej bona motivo por plej zorge flegi la propagandon ĉe la junularo. (1)

S-ro J. PIRNAY. — Pro manko de tempo S-ro Pirnay ne legos sian raporton pri «Esperanto kaj Komerco». Li konsentas, ke ĝi estu presata en nia oficiala organo. Jen tiu raporto:

« Karaj Gesamideanoj,

» Ĉar estas necese por la propagando, ke ĉiu konu la Esperantan » movadon, mi akceptis raporti hodiaŭ pri Esperanto en la komercaj » rondoj. Antaŭ la milito ni propagandis Esperanton iomete tro ideale. » Nun, post la granda batalo, kiu pligrandigis la egoismon ĉe la homoj » ni ĉefe devas montri al la ne-esperantistoj la helpon, kiun Esperanto » povas al ili alporti.

» Antau 1914, jam kelkaj firmoj presigis cirkulerojn en Esp., kaj nia » fervora samideano Hallet el Charleroi, eĉ eldonis grandan komercan » ĵurnalon «La Bulteno». Bedaŭrinde, la milito ĉesigis la internaciajn » rilatojn kaj donis gravan baton al Esperanto.

» Nun Esperanto reviviĝas; ne plu kelkaj sed miloj da firmoj en la » mondo povas uzi Esperanton en la komercaj rilatoj. El la komercaj » ĵurnaloj en Esperanto, kiuj aperis post la milito, mi devas unue citi » «Internacia Komerca Revuo», monata revuo, kiu aperas jam de du » jaroj en Zurich; «Komerco per Esperanto», bulteno eldonita en Fran- » cujo.

»Ne nur ekzistas Esperantaj komercaj ĵurnaloj, sed multaj komercaj » ĵurnaloj nacilingvaj posedas regulan rubrikon en Esperanto. Tio estas » grava progreso. Inter tiuj ĵurnaloj mi citu: «The World's Salesman», » grava japana komerca revuo el Yokohama, kiu presigis eĉ, kiel al- » dono, liston de komercaj firmoj, kiuj korespondas Esperante; «Meza » Danubo» el Budapest; «Echo» el Sofia; «Commerce» el Rio de Ja- » neiro; «Le Journal de Commerce» kaj «Informador», ambaŭ el Lis- » bono ; «Cordoba Commercial» el Hispanujo. Plie, multaj aliaj ofte » aperigas artikolojn pri Esperanto.

» Do, Esperanto estas vivanta lingvo jam uzata en la komercaj rond-

---

(1) Subskribanto petas senkulpigon, ke lia raportista funkcio devigas lin ĉion noti, eĉ la parolojn de S-ino Elworthy, kiun ĉi tie li tamen kore dankas pro ŝiaj afablaj vortoj.

» oj. Sed, Esperanto sukcesis ankaŭ en pli altaj rangoj. Jam multaj
» komercaj ĉambroj sin interesis pri nia lingvo.

» La Komerca Ĉambro de Los Angeles (Kalifornio) sendis en 1911
» Eŭropon S-ron John Parrish, kiu dum 18 monatoj faris en ĉiuj landoj
» Esperantajn paroladojn kun lumbildoj pri sia lando. Tiu samideano
» sukcesis pruvi, ke esperanto taŭgas, eĉ sufiĉas por vojaĝi tra la tuta
» mondo. La sama komerca ĉambro plie eldonis belan Esperantan gvid-
» libron pri Kalifornio. La komercaj ĉambroj el Lisbono, Huesca, Rei-
» chenberg, Burnley, Rio de Janeiro, Leipzig, Dresden, Plymouth, Kra-
» kovo, Washington, Olomouc, kaj aliaj aprobis Esperanton kiel inter-
» nacian komercan lingvon.

» La komerca Ĉambro de Londono jam de 15 jaroj organizas kurs-
» ojn de Esperanto, ekzamenojn kaj paroladojn.

» Vi ĉiuj konas la decidon de la Komerca Ĉambro en Paris, kiu kon-
» silas al ĉiuj komercaj ĉambroj, sin okupi pri la Esperanta afero.

» Multaj komercaj aŭ profesiaj societoj aŭ grupoj ankaŭ pristudis
» la movadon. Mi citas: La diamantistoj de Antverpeno, la Societo de
» la Komercagentoj en Liverpool, la Sindikato de Oficistoj de Lisbo-
» no, k. c. En Verviers, mi sukcesis interesi la Societon de la Komerc-
» agentoj kaj la Sindikaton de Oficistoj, kaj mi jam presigis en la ĵur-
» naloj de tiuj gravaj grupoj, multajn artikolojn pri Esperanto.

» Fine, ni ne forgesu ke multaj komercaj foiroj ankaŭ uzas kun
» sukceso nian lingvon: tiuj de Basel, Frankfurt, Leipzig, Breslau, Pra-
» ha, Reichenberg, Padova, Milano, Barcelona, Helsingfors Paris, Bu-
» dapest, Bordeaux. Multaj el ili ne nur eldonis belegajn ilustritajn li-
» bretojn, sed ankaŭ starigis Esperantajn Oficejojn.

» Ĉu ne estus necese, kaj ĉu ne estas eble kunigi la fortojn el kiuj
» naskiĝis tiuj sukcesoj? Jes, kaj pro tio oni jam starigis en multaj
» landoj specialajn komitatojn por sin okupi ĉefe pri Esperanto en la
» komercaj rondoj.

» Jam en 1916, S-ro Marshall, de la firmo Thos. Cook, Londono, star-
» igis en Anglujo, kun la helpo de anglaj industriistoj kaj komercistoj
» gravan grupon: «The Common Commercial Language Committee»,
» kiu estas la unua el la samaj komitatoj, kiuj nun ekzistas jam on
» diversaj lokoj:

» Paris, Lisbono, Zurich, Hengelo, Stockholm, Helsingfors, Lodz, Bu-
» dapest, New-York, Buenos - Aires, Yokohama. Baldaŭ tiaj komitatoj
» ankaŭ ekzistos en Germanujo, Aŭstrujo, Aŭstralio, Italujo.

» Dum la XIIIa, en Praha, tiuj diversaj komitatoj starigos Internacian
» Unuiĝon de Komercaj Komitatoj. Estas do pruvo, ke Esperanto mal-
» rapide sed certe eniras ĉiuloken, kaj baldaŭ venos la tempo, kiam ni
» ne plu bezonos propagandon, sed kiam ĉiuj veros mem al Esperanto.

» En Belgujo, jam lastan jaron, kelkaj samideanoj starigis Belgan
» Komitaton por Komuna Komerca Lingvo. Estis: S-roj Maertens kaj
» Petiau (Gent), Sandron (Rochefort), Piens (Bruselo), Champy kaj
» Schoofs (Antverpeno), Hallet (Charleroi) kaj mi mem.

» Mi jam presigis provizoran liston de pli ol 50 belgaj firmoj, kiuj
» uzas Esperanton. Mi estas certa, ke multaj aliaj povas interrilati per

miajn gekolegojn de «La Verda Stelo» pro ilia efika kaj kora kunlaboro.

Mia danko ankaŭ iras la aranĝintoj en la aliaj urboj: F-ino Y. Thooros, S-roj Petiau, Oger, Derigat, Sibille, De Schrevel, kaj al ĉiuj aliaj kunlaborintoj. Ilia rekompenco estas la sukceso de iliaj klopodoj penplenaj kaj la bona rezultato por nia, do ilia movado.

Al ĉiuj denove: dankon kaj gratulon!

FRANS SCHOOFS.

# Oficiala dokumento

Ĉi sube ni publikigas kopion de la letero skribita de la Estro de la Kabineto de la Reĝo al S-ro Witteryck, Prezidanto de la Belga Ligo Esperantista:

CABINET DU ROI. Palais de Bruxelles.
Le 17 mai 1921.

Monsieur le Président,

D'après les ordres de Monseigneur le Duc de Brabant, j'ai l'honneur de vous confirmer le télégramme que je vous ai adressé le 14 de ce mois.

Son Altesse Royale m'a chargé de vous dire qu'Elle a été charmée d'accueillir la demande que vous Lui avez faite au nom de la Ligue Espérantiste Belge et consent avec plaisir à accepter le titre de Président d'Honneur de votre Association que vous lui avez offert. Le Duc de Brabant ne doute pas que ce témoignage de Sa bienveillance contribuera au développement de votre Ligue et au succès de vos intéressants travaux.

Veuillez agréer, Monsieur le Président, l'expression de ma considération très distinguée.

Le Chef du Cabinet du Roi,
(signé) Comte d'Aerschot.

A Monsieur A. J. Witteryck,
Président de la «Ligue Espérantiste Belge»

---

Jen la traduko de tiu dokumento:

KABINETO DE LA REĜO. Palaco de Bruselo.
la 17an de majo 1921a.

Sinjoro Prezidanto,

Laŭ ordono de lia Princa Moŝto la Duko de Brabanto, mi havas la honoron konfirmi la telegramon, kiun mi sendis al vi la 14an de ĉi tiu monato.

Lia Princa Moŝto komisiis min, diri al vi ke Li bonvole akceptis la peton, kiun vi faris al Li je la nomo de la Belga Ligo Esperantista, kaj konsentas kun plezuro akcepti la titolon de Honora Prezidanto de

via Asocia, kiun vi al Li proponis. La Duko de Brabanto ne dubas, ke tiu atesto de Lia bonvolemo kunhelpos la disvastiĝon de via Ligo kaj la sukceson de via interesplena laborado.

Volu akcepti, Sinjoro Prezidanto, la esprimon de mia alta estimo.

La Estro de la Kabineto de l'Reĝo,
(subskribis) Grafo d'Aerschot.

Al Sinjoro A. J. Witteryck,
Prezidanto de la Belga Ligo Esperantista.

# Belga Kroniko

ANTVERPENO. — La Urba Popola Biblioteko,kiu jam posedis fakon de ĉ. 200 volumoj en kaj pri Esperanto ĵus pligrandigis tiun kolekton per aĉeto de pli ol 150 novaj libroj. Post la 15a de julio la tuta kolekto estos je la dispono de la Esperantistoj. Ni vekas la atenton de niaj Antverpenaj samideanoj pri tiu okazo por legi nian literaturon. Ni ankaŭ petas, ke la aliurbaj grupestroj ne malatentu la fakton. Ĝi estas unu el la plej bonaj propagandaj rimedoj por nia lingvo. Ni ne forgesu ke per la enkonduko de Esperantaj libroj en la oficialaj bilbiotekoj ni plej bone servas la Esperantistoj mem, kaj samtempe vekas la atenton de la tre interesa parto de la loĝantaro, kiu estas la legantaro de tiaj institucioj.

— La Esperantista Junularo agrabligas siajn ĉiusemajnajn kunvenojn per muzikludado kaj per ellerno de kantoj. Ĝi jam lernis «Vivu Zamenhof» de nia malnova amiko Fr. Swagers kaj «Tagiĝo», de la eminenta pola pioniro Ant. Grabowski.

GENTO. — Nova kurso por dudeko da gelernantoj, profesoro S-ro Petiau, okazas ĉiumerkrede je la 6 1/2a vespere en la Universitato.

La granda festo okazinta en la Reĝa Teatro okaze de la vizito de la «Romilly Boys' Choir» tre bone sukcesis kaj estis tre efika por la propagando.

La grupo «Espero» en Gendbrugge apud Gent en Belgujo malfermis de la 15an de Majo informo-oficejon kiu daŭre estos je la dispono de ĉiuj tutmondaj esperantaj komercistoj por konigi iliajn produktaĵojn en nia lando, kaj en «aliaj». Ni senprokraste respondos al ĉiu komerca aŭ alia demando, kondiĉe ke la petanto sendu la necesan repondkuponon, apud la demando. Oni sin turnu al: informo-oficejo ĉe J. Barbe-De Kneef, Kerkstraat, 125, en Gendbrugge.

LA PROGRESO. — La unuan lundon de ĉiu monato okazas en la sidejo parolado. La titoloj de tiuj paroladoj, avizataj en ĉiuj urbaj ĵurnaloj, celas atentigi la publikon pri la uzebleco de nia lingvo. La 3an de majo, S-ro Somerling, per simplaj frazoj klarigis al la geaŭskultantoj kiel la nunaj konstruantoj de vapormaŝinoj sukcesas genie obteni de ili kiel eble plej grandan laborkapablon. Post la parolado, S-ro inĝeniero Vandevelde, de la «Soc. Gantoise pour l'Expansion des Relations Mon-

diales», kiel vizitanto, gratulis la parolinton kaj insistis pri la utileco de teknikaj paroladoj.

ST. GILLES. Oficiala Esperanto-kurso en St. Gilles, profesoro F-ino Jennen, finiĝis la 29an de aprilo. La ekzameno estis sukcesplena; ĝin partoprenis 6 gelernantoj: F-ino Dumont, F-ino Defawe, S-ro Defawe, F-ino Deflinnes, S-ino Dieghe kaj S-ro Huygens. La Skabeno de publika instruado kaj la Direktoro de la liberaj kursoj vizitis la juĝantaron dum la ekzameno kaj kuraĝigis la gelernantojn. Tiuj-ĉi baldaŭ partoprenos kiel rekompenco de sia sukceso, en unutaga vojaĝo je l'kostoj de la Komunumo. La kurso rekomencos en oktobro. La grupo «Antaŭen» kunvenas mardon, la 24an de majo, je la 8a vespere, en la «Federacion Postcolaire Parvis St. Gilles. Poste, regule la saman tagon ĉiudusemajne.

Gratulojn por S-ro Mathieux pro la naskiĝo de filineto Madeleine (12a-de majo).

SCLESSIN LEZ LIEGE. — Post kurso gvidita de S-ro Sibille el Lieĝo, nova kurso fondiĝis en Sclessin. Prezidanto S-ro Jules Bissot, 66, rue de Trazegnies, Sclessin. La nova grupo petis sian aliĝon al la «Belga Ligo». Gratulojn al S-roj Sibille kaj Bissot, kaj bonvenon al niaj novaj amikoj.

VERVIERS. — La prezidanto de la tiea grupo, S-ro Pirnay, ĵus estas elektita urba konsilanto. B. E. gratulas la novan konsilanton, kiu certe klopodos por disvastigi Esp. inter la oficiala rondo.

La grupo havigis al si kvanton da propagandiloj «L'Outil Nécessaire aux Relations Mondiales» eldonita de B. L. E. kaj dissendis ilin al ĉiuj lernejaj institucioj de la regiono.

Bedaŭrinde, la morto ĵus planis sur la grupanoj kaj iliaj familioj. Antaŭ du monatoj, mortis nur 21 jara fraŭlino, Maria Renson, ekskasistino de «Inter Ni» kaj fratino de la nuna plej ŝatata vic-prezidantino. Ŝi estis bonega esperantistino kaj fervora propagandistino ; la grupo ĉiam memoros pri ŝi kaj ĵus decidis la kreon de «Memoraĵlibro» entenonta fotografaĵon kaj nekrologan artikolon pri ĉiuj mortintaj membroj de la grupo.

Antaŭ unu monato, mortis ankaŭ S-ro Pierre Philippe, patro de F-ino Jeanne Philippe la ekskasistino de la «Esperantista Grupo». La 13an de majo mortis ankaŭ S-ro Thomas Petit, patro de F-ino Marie Petit, eksvicprezidantino kaj fervorulino de malproksima epoko.

La Verviersaj samideanoj prezentas ree siajn plej sincerajn kondolencojn al la familianoj de la mortintoj, kaj B. E. je l'nomo de la belga esperantistaro kore partoprenas ilian funebron.

---

# El la Belga Gazetaro

Multaj gazetoj daŭrigas publikigi la komunikojn senditaj de nia Gazetara Servo. Dum la lastaj semajnoj ni rimarkis efikan publigikon de la novaĵo pri la Rezolucio por Esperanto de la 21 membroj de la Franca Akademio de la Sciencoj, i.a. en la ĵurnaloj «La Métropole»,

«De Gazet van Antwerpen», «Het Handelsblad», «De Gazet van Mechelen», k. a. — Mi insistas por ke ĉiuj geamikoj enlandaj sendu al mi la gazetojn en kiuj aperas sciigojn pri Esperanto. La kolektado de tiuj artikoloj devas formi gravan dokumentaron por nia afero en Belgujo.

La antverpena revuo «Ons Woord» aperigis en sia junia numero belegan artikolon en 1913a verkita de dana samideanino Mikkelsen,kaj artikolon pri la spertoj kun Esperanto en la anglaj lernejoj.

Alia grava fakto estas, ke juna kuraĝa presisto en urbeto Andenne, S-ro Decoquibus ,eldonis de la komenco de l'monato majo, ĉiusemajnan gazeton titolitan: «Le Mosan», kaj ke la eldonanto estas tre favora al Esperanto. Tial li decidis enpresi en sia ĵurnalo ĉiusemajnajn artikolojn pri nia lingvo kaj nia movado. En la N-roj 3, 4 kaj 5 la unuaj el tiuj artikoloj jam aperis. La unua estas raporto pri la Lieĝa Kongreso, la dua konigas la nomon de la Honora Komitato de la Belga Ligo Esperantista, kaj la tria citas ĉiujn lastajn sukcesojn de Esperanto. La diversajn artikolojn ni ŝuldas al nia bonega samideano Andenne'a, D-ro A. Melin. Se tiu ĵurnalo sukcesas akurate eliri ĉiusemajne, ĝi povas esti tre utila al nia afero en la regiono de Andenne, kaj eĉ en la tuta Valona parto de nia lando. Ĉar S-ro Decoquibus volas helpi nin, estas la devo de la Esperantistoj belgaj subteni lin kaj aboni «Le Mosan». La jara abonprezo estas nur sep fr. Sed la eldonanto estus ankaŭ feliĉa se oni sendus al li por publikigo, franclingvajn artikolojn pri kiu ajn temo, kondiĉe tamen ke ili respektu ĉies politikan kaj religian opinion, do nur artikolojn sciencajn aŭ literaturajn. Ni instigas do niajn gesamideanojn — la junajn precipe, — por ke ili helpu, kaj abone kaj kunlabore, la kuraĝan eldonanton de «Le Mosan». Adreso: 34, rue Hanesse, Andenne.

---

# La progresoj de Esperanto

## 21 MEMBROJ DE LA FRANCA AKADEMIO DE SCIENCOJ SUBSKRIBAS REZOLUCION POR ESPERANTO.

Jen estas la traduko de la originala dokumento, kiu atestas pri tiu grava fakto:

La subskribintoj, membroj de la Akademio de Sciencoj,

Konvikitaj, ke la uzo de la helplingvo Esperanto en la internaciaj rilatoj havus gravegajn konsekvencojn laŭ vidpunkto de la progreso de la sciencoj kaj de iliaj aplikoj; ke ĝi permesus la disvastiĝon de la franca scienco eksterlanden kaj, per tio, la intelektan influon de nia lando,

esprimas la deziron:

1e, ke la instruado de tiu lingvo, ĉefverko de logiko kaj simpleco, estu enkondukata, almenaŭ kiel nedeviga fako, en la oficialaj programoj de la sciencaj klasoj de ĉiuj instruejoj.

2e, ke, en la internaciaj kongresoj, ĝi estu akceptata kiel oficiala lingvo, egalrajte kiel la naciaj lingvoj, ĝis kiam la sperto pruvos, ke ĝi kapablas iĝi ilia sola oficiala lingvo;

3e, ke la atento de la direktoroj de sciencaj aŭ teknikaj eldonejoj estu altirata al la graveco, kiun prezentus al ili la uzado de ĉi tiu lingvo en iliaj publikaĵoj al la eksterlando;

4e, ke, de nun la sciencistoj kaj teknikistoj preparu sin por uzi ĝin en siaj rilatoj kun alilandaj kolegoj kaj konigu poste al ili ke ili estas pretaj uzi ĝin;

5e, ke komisiono estu nomata por prepari kaj ellabori la vortarojn de la puraj sciencoj en Esperanto, kaj ke la teknikaj Societoj estu petataj agi sammaniere pri sia speciala fako.

Subskribis: D'Arsonval, Daniel Berthelot, Bigourdan, Gaston Bonnier, Gen. Bourgeois, C. Breton, J. Charpentier, Charpy, Constantin, Deslandres, Amiral Fournier, P. Janet, C. Lallemand, Maurice Lebranc, Lecornu, Lindet, Lumière, Princo de Monaco, Charles Richet, Gen. Sebert, Fernand Widal.

## ESPERANTO INTER LA DIAMANTISTOJ.

En Aŭgusto 1920a okazis la internacia kongreso del' mondligo de diamantlaboristoj en Londono. Multaj gravaj aferoj estis priparolitaj kaj seriozaj proponoj estis pritraktitaj. En lia kongresa rerigardo la prezidanto de la ligo kaj del'kongreso, kiu ankaŭ estas redaktoro de la faka gazeto holando, plendas i. a. pro la grandega perdo de tempo kaj mono okazigata de la tradukado de la paroladoj kaj dokumentoj. La trilingva traduko forrabis 3 1/2 tagojn de la 5 tagoj, kiujn daŭris la kongreso kaj se la Germanoj, kiuj ne povis obteni pasporton, estus ĉeestintaj, la tuta tempo estus plenigita nur de la raportoj, ĉar tiam kvara traduko estus estinta necesa. Prave la redaktoro diris, ke oni nepre devas serĉi efikan solvon, por ke dum la proksima intern. kongreso en 1922a oni ne spertu la samajn malfacilaĵojn kaj maloportunaĵojn kiel nun sed kiel? «Ĉu Esperanto aŭ alia internacia lingvo alportos la deziritan helpon, estas kaj restas malfermita demando».

Subskribanto, respondante al la artikolo, argumentis ke la fermo de la «malfermita demando» nur dependis de la estontaj delegitoj mem. **Ili kuraĝu kaj klopodu ellerni Esperanton dum la tempa interspaco inter la du kongresoj (± 1 1/2 jaroj).** Tamen la redaktoro, kvankam ne estante kontraŭulo, laŭ lia certigo,ne interkonsentis kun mia propono opiniante ke la estraranoj de la ligo diamantista estas preskaŭ ĉiuj troaĝaj por eklerni alian lingvon eĉ tiel facilan kiel Esperanto; plibone estus enkondukigi Esperanton en la lernejojn kaj instrui ĝin al la infanoj. Pri la lasta punkto li estas pravega!

Intertempe mi min turnis al la Sekretario de la mondligo de diamantistoj, kiu estas tre favora al nia movado kaj li promesis al mi helpon por enkonduki Esp. en la diamantistan rondono. Li mem, kvankam la necesa tempo preskaŭ mankas al li, komencis sin okupi pri nia lingvo. Du semajnoj poste, la sekcio de la belga ligo diamantista: «socia

laboro» organizis propagand-vesperon, kie S-ro Schoofs estis invitita fari paroladon pri Esperanto; post klara kaj ofte humora parolado de S-ro Schoofs, kurso kun 25 partoprenantoj sekvis, gvidata de sam. J. Swalf.

Samtempe mi korespondadis kun 2 tre fervoraj samideanoj en Amsterdam, sciigante al ili kio okazis tie-ĉi kaj instigante ilin fari same. Senlace ili klopodis kaj post du semajnoj la sekcio «socia laboro» de la Amsterdama ligo ankaŭ organizis kurson, kiu komencis kun 60 lernantoj, gvidata de sam. A. Kloek.

Restas nun fari propagandon en la malgrandaj rondoj diamantistaj ekz. New-York, St. Claude, London kaj Hanau. Se ni ne tuj atingus nian celon, t. e. ke la proksima intern. kongreso de diamantistoj uzu Esperanton, mi tamen estas konvikita, ke la semo estos fruktedona post ne tro longa tempo.

La Antverpenaj diamantistoj starigis grupon nomata: **Antverpena grupo de Esperantistaj diamantistoj.** Ĉiu ano ricevis abonon al **Belga Esperantisto.**

HIRUNDO.

# XIIIa Universala Kongreso de Esperanto en Praha (Ĉehoslovakujo).

**DE 31a JULIO ĜIS 6a DE AŬGUSTO 1921.**

9a KOMUNIKO:

Veturprezoj. — Bruselo-Aachen-Deĉin (Tetschen) Praha:
2a kl. Fr. 17 — Mk 211.20 — Kĉ. 68.80;
3a kl. Fr. 10 — Mk. 126 — Kĉ 34.40.

Vojaĝrabato. — La loka kongresa komitato obtenis rabaton de 50 % por la voĵaĝo sur la ĉehoslovakaj fervojoj.

S-ino Clara Zamenhof estis invitita de la Loka Kongresa Komitato kiel honora gasto de la XIIIa.

Honora Protektanto de la kongreso iĝis la Ĉekoslovaka Registaro (Ministraro) per decido de 23—3—1921.

Subkongreso de Sennaciuloj estas organizata de «Liberiga Stelo» sub la honora prezidanteco de Henri Barbusse. Informoj ĉe «L. S.» rue Berger, 23, Paris XXe.

Kotizo. — Post la 1a de junio la kongresa kotizo estas Fr. 37.50.

Aliĝoj. — La nombro atingas nun (10a de junio) 1700!!

Loĝado. — Oni loĝigos la kongresanojn en hoteloj kaj privataj loĝejoj. Loĝado en komunaj loĝejoj (lernejoj) pro teknikaj kaŭzoj estas ne-efektivigebla. Studentoj turnu sin al S-ro Weiner, redaktoro de «Tribuna» en Praha!

Al personoj, kiuj aliĝus post la 15a de junio, aŭ alvenus nealiĝinte oni ne garantias la loĝigon. La kongresa komitato ne povas garantii

al ĉiu la loĝigon en privata familio. La pli frue aliĝintojn oni prefeross. Konatuloj uzu ankaŭ la duan pli malkaran provizoran liton en la sama ĉambro!

Garantia fundo. — Ĝis nun garantiis 26 samideanoj. Sumo atingita: Kĉ. 3800 kaj. Ned. Guld. 500.

Donacoj. — 42 donacoj kun tuta sumo de proksiume Kĉ. 21.100.

Pasportoj kaj pasportvisoj. — La belgoj, kiuj irus al la kongreso devas havigi al si unu solan pasporton, kiun liveros la belga kompetenta aŭtoritato. Por eniri en Ĉeĥoslovakujon kaj por traveturi la survojajn landojn, oni devas havigi al si la vison de la reprezentanto de ĉiu traveturota lando, te, la vison de la ĉeĥoslovaka abasadorejo en Bruselo (8, rue de Suisse) kaj, se oni vojaĝas tra Germanujo, tiun de la Germana konsulejo en Bruselo (58, rue Belliard). La unua viso kostas fr. 62.50, la dua Fr. 75.

La kongresanoj ĝuos rabaton de 50 % je la ĉeĥoslovaka pasportviso.

La ĉeĥoslovaka ministerio por eksterlandaj aferoj, per sia decido de la 2a de aprilo 1921 (N-ro 617 — 4 — 21 zprav.) ordonis ĉiujn ĉs. eksterlandajn oficejojn, helpi ĉiuokaze la kongresontojn.

Adreso. — Augustin Pitlik, Nerudova 40, Praha III. (Oni respondos nur, se estis aldonitaj respondkupono aŭ afranko en neuzitaj naciaj poŝtmarkoj).

---

## INTERNACIA ESPERANTO ANTAŬ-KONGRESO
## DRESDEN, 28—29. DE JULIO 1921.

La urbo de la «Kvara» Dresden, aranĝos internacian Antaŭ-Kongreson kaj invitas kore la samideanaron.

Provizora programo:

28a de julio: Antaŭtagmeze, vizito de la vidindaĵoj de la urbo. Tagmeze komuna tagmanĝo en «Granda Ĝardeno». Vespere publika propaganda kunveno poste ev. vizito de koncerto.

29an de julio: Antaŭtagmeze veturado per speciala ŝipo sur Elbe al Pillnitz kaj migrado, posttagmeze reveturo. Vespere granda festo kun internacia balo.

30a de julio komuna veturado al Prago per — se eble — speciala vagonaro.

La kongreskotizaĵo estas : frankoj 10.

Per afabla helpo de la porfremdula asocio kaj de la polica kaj poŝtista Esp. grupoj ĉio estos bone organizata. Venu multnombre, ni promesas agrablan restadon.

Anoncu tuj vian partoprenon, vi ricevos konstante niajn informojn.

La Kongresa Komitato: S-ino Prof. Hankel, D-ro Hch. Arnhold, Karl v. Frenkell. — W. Ranft, sekretario.

Adresu ĉion: Hauptstrasse, 38.

---

## KARAVANO DE NEDERLANDO AL PRAĤA.

Al la XIIa en Prago foriros almenaŭ 40 Nederlandanoj. S-ro Bruyn,

el Hago organizas komunan vojaĝon kun la celo unue halti dum tri tagoj en Dresden, por ĉeesti la tiean Internacian Antaŭ kongreson (28 — 30 julio). Tre verŝajne grupo de britaj samideanoj kunvojaĝos, veninte per la Harwich — Rotterdam — boato. La provizora programo estas foriri mardon 26an de julio je la 6 H. 50 el Amsterdam (rezervitaj vagonoj) por alveni en Dresden la sekvontan materon je 11 h. 39. — La kosto duaklasa de Amsterdam — Dresden estos proksiume 30 guldenoj. La samideanoj, kiuj dezirus partopreni en tiu karavano bonvolu sin turni al S-ro J. L. Bruyn, 158, Daguerrestraat, 's Gravenhage.

# Diversaj komunikoj

## UNIVERSALA FRAMASONA LIGO (Esperantista).

La jarkunveno de suprenomita ligo akazos en Praha la 2an de aŭgusto 1921, dum la XIIIa Univ. Kongreso de E. Tiu ĉi kunveno havos grandan signifon por la propagando de Esperanto inter la framasonoj ĉiulandaj. Ĉiuj framasonoj, vizitontaj la kongreson, estas invitataj ĉeesti ĉi tiun kunvenon. Provizora tagordo: Malfermo. Protokolo. Raportoj sekretario-kasisto. Propagando-rimedoj. Aliĝo al «Federacio Framasona». Ĉiuj framasonaj samideanoj estas petataj, se eble, halti en Frankfurt a.M., kie okazos antaŭkonferenco. Oni sin turnu al S-ro C. Barthel, Wöhlerstr., 14, Frankruft a. M.

**Universala Ko-Framasonio.**

Kelkaj membroj de la U. K. F. (Ordre Maçonnique Mixte Internationale «Le Droit Humain») aranĝos publikan kunvenon dum la XIIIa Universala Kongreso de E. en Praha. Temoj: Kio estas Framasonio? La virino en la Framasonio. La Ordeno de Universala Ko-Framasonio. Interesuloj estas invitataj ĉeesti ĉi tiun kunvenon, kies temoj estas gravaj por la nuntempo. La paroladoj estos tute en Esperanto. — Samspeca kunveno okazos la 29an de julio en Frankfurt a. M. Paroladoj en Esperanto kun germana traduko. Broŝuro «Kio estas Universala Ko-Framasonio» aperis.

## FOTOGRAFAĴO DE LA KONGRESANOJ EN LIEĜO.

Ni plezure sciigas, ke la fotografaĵoj bonege sukcesis.

La geamikoj, kiuj jam pagis la menditajn ekzemplerojn, kaj kiuj deziras ricevi ilin senpere per la poŝto, estas petataj sendi al la organiza komitato Fr. 0.20 por la sendkostoj, se ne, ĉiuj ekzempleroj estos are sendotoj al jenaj adresoj: S-ro Petiau por Gento, S-ro Hérion por Verviers, F-ino Thooris por Brugo, F-no Jennen por Bruselo, S-ro Schoofs por Antverpeno, S-ro De Bosschere por Sta Nicolao, S-ro Varendonck por Ledeberg, S-ro Desonay por Spa.

La granda formato (18 × 24 cm.) kostas po Fr. 3.50; la poŝtkarta formato Fr. 0.60.

Por la mendoj oni sin turnu al S-ro F. Derigat, 12, Chauss. des Près, Liège.

## KOREKTOTA ERARO.

La anekdoto de nia kunlaboranto Ardenano (antaŭa numero, paĝo 60) estis iomete nekomprenebla pro la malbona ordigo (post la lasta korektado) de la maŝinkompostitaj linioj. La unua linio devas esti anstataŭigita per jena:

Dum la unuaj tagoj de la germana enpenetrado en Belgujon, la paroh-

## LA EKZAMENOJ PRI KAPABLECO.

Ni opinias, ke niaj legantoj tre multe ŝatos koni la programon de la du ekzamenoj de la Belga Ligo Esperantista. Tial ni ĝin represas ĉi sube:

I. Atesto de simpla kapableco.

Skriba parto.

1e Traduko el Esperanto en nacian lingvon, sen vortaro.

2e Traduko en Esperanton, sen vortaro.

3e Letero.

(Daŭro: 2 1/2 horoj.)

Voĉa parto.

Legado kaj traduko de Esperanta teksto.

(Daŭro 10 minutoj.)

La kandidatoj devas havi almenaŭ la 6/10 de la poentoj.

II. Atesto de profesora kapableco.

Skriba parto.

A. 1e Traduko el Esperanto en nacian lingvon, sen vortaro.

2e Traduko en Esperanton, sen vortaro.

3e Redakto: Pritrakti temon en Esperanto.

(Daŭro: 3 horoj).

B. Voĉa parto.

1e Legado de Esperanta teksto, (dum 5 minutoj).

2e Traduko de la legita teksto.

3e Voĉa resumo de tiu teksto.

4e Klarigo, per Esperanto, pri gramatikaj malfacilaĵoj kaj pri kunmetitaj vortoj, (dum 5 minutoj).

5e Interparolado kun la membroj de la juĝantaro, (dum 5 minutoj).

C. Instruado.

a) Instruado, per Esperanto, aŭ naciaj lingvoj pri gramatika punkto. (Speciala punkto por ĉiu kandidato). (15 minutoj).

b) Paroliga ekzerco kun lernantaro. (10 minutoj).

La kandidatoj devas havi almenaŭ la 65/100 de la poentoj en ĉiu parto.

## KORESPONDA FAKO.

(Enpreso de malgranda anonco kostas Fr. 1 aŭ 4 respondkupononjn.)

Deziras korespondi:

S-ro Taĉi-iri, 19 jara, Baptista Preĝejo, en Kioto (Japanujo) : per leteroj aŭ poŝtkartoj.

S-ro Iĉiro Sakurada, 17 jara, lernanto, Karasumaru-gaŝira, Kioto, — (Japan) : per ilustritaj poŝtkartoj aŭ poŝtkartoj.

S-ro Jaroslav Handl, studento, Rychnov n/Kn (Bohemujo—Ĉ. Slov), per p. kartoj kaj leteroj, kaj interŝanĝi poŝtmarkojn.

S-ro Luis Berdonces, Rivero 1, Aviles (Hispanujo): per leteroj, ankaŭ interŝanĝi poŝtmarkojn.

S-ro Vladimiro Katalinov, Sekretario de la Petrograda Unuiĝo de Junaj Esperantistoj, Gorohovaja, 33, Petrogrado (Rusujo) : kun junaj Esperantistoj.

S-ro D. Ziguri, prezidanto de la rondo «Verda Stelo», Societo «Najad», Vladivostok (Rusujo), serĉas junajn korespondantojn por siaj lernantoj, knaboj 12 — 15 jaraj, Oni skribu al li.

F-ino C. A. Palmer, 3428 Scranton Road, Cleveland, Ohio, U. S. A.

S-ro Frank Batka, 75 W. Str., Bayonne, N. Y., U. S. A.

# Bibliografio

«Belga Esperantisto» nur recenzas la verkojn de kiuj oni sendis du ekzemplerojn. Adreso: Kleine Beerstraat 45, Antverpeno.

La legantoj povas ankaŭ mendi la recenzitajn librojn ĉe tiu sama adreso, kunsendante la monon per poŝtmarkoj aŭ prefere por poŝtĉeko (konto Frans Schoofs: N° 284.20).

Oni aldonu 10 % por sendelspezoj.

La AŬTONOMA MUZIKNOTADO de J. Hautstont, 4 paĝa prospekto 16 1/2 × 25 1/2 cm. Havebla senpage ĉe la aŭtoro, 3, rue Lebeau, Bruxelles.

Por anstataŭi la nuntempan muziknotadon, kiu posedas 55 signojn reprezentantaj 12 sonojn fundamentajn nomataj per 7 notoj, la aŭtoro elpensis novan notadon sur trilinia liniaro kun 12 signoj reprezentantaj la samajn 12 fundamentajn sonojn nomataj par 12 nomoj.

Ne havante specialan kompetentecon pri tiu temo,ni ne povas funde analizi tiun elpensaĵon, sed ne timante kontraŭdiron ni kuraĝas aserti, ke niaj infanoj certe multe pli ŝatus la lernadon de muziko se ili ricevus kiel lernilon tiun simplan skribitan reprezenton de la diversaj elementoj de la sonaro. Kun la aŭtoro ni pensas ke per lia metodo la eklerno de la muziklegado ne plu estas amaso de malfacilaĵoj por la plendinda kapeto de la junaj eklernantoj.

La elpensitaĵo estas patronata de Internacia Komitato kiu konsistas el famaj muzikprofesoroj, kritikistoj, sciencistoj, k. t. p., kiu petas ke ĉiuj interesuloj penu kun ĝi, por helpi ĝin morale kaj fakte por la disvastigo de la aŭtonoma muziknotado.

La klopodo estas interesega, pristudinda kaj subteninda.

KOMERCA FOIRO DE PARIS, 10 — 25 Majo 1921, 4 paĝoj 16 × 24 cm. senpaga. Oficejo: 8, Place de la Bourse, Paris.

Belaspekta sur luksa papero presita prospekto kun 4 fotografaĵoj. La

Komitato de la Foiro sciigas ke ĝi korespondas per ĉiuj lingvoj, speciale per Franca lingvo kaj Esperanto.

IIIa INTERNACIA SPECIMENFOIRO EN PADOVA (Italujo.) — 1 — 15 Juni 1921. 6 paĝoj 22 × 29 cm. Senpage havebla de la loka agentejo de la foiro: 45, Kleine Beerstraat, Antverpeno.

Tre ampleksa prospekto kun regularo kaj aliĝilo pri tiu foiro, kiu okazas en neprovizora konstruaĵo kun tute kovritaj trairejoj.

Tiu organizaĵo ankaŭ anoncas ke ĝiaj oficejoj korespondas: france, angle, germane, hispane kaj Esperante.

La pratikado de nia lingvo faros ĝian triumfon!

ESPERANTA LEGOLIBRO de **Vilhö Setälä.** — Dua eldono. — Eldonis Akcia Societo Otava, Helsingforso, 112 paĝoj 21 × 14 1/2 cm. Prezo: Fm. 5.— 9.—.

Kolekto de 79 Esperantaj poeziaĵoj kaj prozaĵoj laŭgrade ordigitaj tiele ke ĝi povas esti uzata en kurso de komencantoj por konduki la lernantojn ĝis plena ellerno de nia lingvo. La libro estas rekomendinda kaj uzebla en Esperanto-kursoj de ĉiuj landoj.

La unua eldono de tiu libro (3000 ekzempleroj) estis vendita en la daŭro de unu jaro! Tiu fakto plej klare montras la kreskantan intereson, kiun Esperanto ĝuas en Finnlando.

ESPERANTON OPISKELUOPAS (Lernogvidanto de Esperanto por Finnoj. Sama eldonejo. 64 paĝoj 21 × 14 1/2 cm. — Prezo nemontrita.

Ĉi tiu lerno-gvidanto estas intencita por uzado paralele kun la ĉi supra «Esperanta Lego-libro» kaj kun vortaro.

BATALO PRI LA DOMO HEIKKILA de **Johannes Linnankoski** tradukita el Finna Lingvo de **Vilho Setälä.** Finna Biblioteko Esperanta N° 1. — 64 paĝoj. 19 × 12 1/2 cm. Prezo: Fmk. 3.—. — Kun biografio de la aŭtoro. Eldonis: Eldona Akcia Societo Otava, Helsingforso.

LA BOTISTOJ, komedio en kvin aktoj, de Alexis Kivi, tradukita de **Hilma Hall.** — Kun biografio de la aŭtoro. — Finna Biblioteko Esp. N° 2. 144 paĝoj 19 × 12 1/2 cm. — Prezo: Fmk. 5.50. — Eldonis: A. S. Otava, Helsingforso.

LA FIANĈIĜO. — LEA. Du unuaktaj komedioj de Alexis Kivi,tradukitaj de **Hilma Hall** kaj **Ilmari Ekström.** — Finna Biblioteko Esp. N° 3. — 64 paĝoj 19 × 12 1/2 cm. — Prezo: Fmk. 4.—. — Eldonis: A. S. Otava, Helsingforso.

La finnaj esperantistoj havas la bonan ideon servi la tutmondan samideanaron per traduko de naciaj literaturaĵoj, kiuj efike konigas la tute specialajn ideojn, kaj kutimojn de ilia en fremdlando preskaŭ nekonita lando kaj popolo. La tri suprecititaj verkoj trovos laŭ tiu rilato favoran akcepton de ĉiuj libramantoj.

ESPERANTON KIELIOPPI, gramatiko de Esperanto por finnoj verkita laŭ la Fundamento de D-ro Zamenhof. Eldonis K. J. Gummerus Osakeyhtitö, Jyväskyla. 120 paĝoj 18 × 12 1/2. Prezo nemontrita.

MUISTITAIDON OPAS de H. Salokannel .Eldonita de K. J. Gummerus Osakeyhtitö, Jyväskyla. 80 paĝoj 18 × 12 1/2 cm. Prezo nenemontrita.

Verko pri mnemoniko (arto por helpi la memoron kaj ĝin perfektigi) skribita en finna lingvo kun kvinpaĝa resumo en Esperanto.

LA DORNA KARESILO. — Originale verkita de **Bela Manto.** — Havebla ĉe A. Hajkis, Koszykowa 11-11, Varsovio (Polujo). — 1917. — 32 paĝoj 17 1/2 × 11 cm. — Prezo: 5 responkuponoj = 1 svisa franko.

Dudek satiraj poezioj. La aŭtoro lerte kaj agrable uzas nian lingvon. Tiu verketo montras ke Esperanto estas vere vivanta esprimilo. Kiel specimeno de la stilo de Bela Manto ni presas lian dediĉon:

« Al homa ridindeco
« De plej diversa speco
« El tuta sia koro
« Tiklerojn de l'humoro
« Dediĉas la aŭtoro. »

KVAR DIVERSAJN SIGELMARKOJN PROPAGANDAJN eldonas la firmo Oskar Ziegler & K°. Marktredwitz (Oberfranken). — 100 ekzempleroj kostas laŭ modeloj: Mk. 1.10, 1.65, 2.65 aŭ 5.—.

PRI LA ELEKTRA AKTIVECO DE NIA KORPO, verkita en Esperanta kaj germana lingvoj de D-ro med. **Wilhelm Winsch.** — 1918. Eldonita de Friedrich Ellersiek, Berlin S. 59. — 32 paĝoj 14 × 10 cm. Prezo: 60 Pf. + 100 %.

Denove klare atestas la uzeblecon de nia lingvo por sciencaj aferoj.

RILATO DE GOETHE AL ANGLUJO, LIA AMIKECO KUN CARLYLE verkita kaj Esperantigita de **Carla Staudner.** — Havebla ĉe la aŭtorino: Wien, VIII. Strozzigasse 40/16. Aŭtografe presita broŝuro. 22 paĝoj 24 × 16 1/2 cm.

La aŭtorino pruvis pentri kiel la skota filozofo Carlyle devigis siajn samlandanojn legi la germanajn aŭtorojn, kompreni germanan pensadon, kaj kiom Goethe ŝatis tiun celadon kaj dankis la penon al la skota amiko.

HUMORAĴOJ de Profesoro H. Boucon. — Eldonis : Oskar Ziegler & K°, Markt Redwitz (Oberfranken) 1919. 16 paĝoj 14 × 10 1/2 cm. Prezo: 15 sd.

Kun antaŭparolo de P. Christaller. Tiu libreto enhavas kvardekon da bone elektitaj humoraĵoj. Tre taŭga por ekuzantoj de nia lingvo.

LA TERPOSEDA REFORMO EN IZRAELO de **A. Damaschke,** tradukis el germana lingvo F. Ellersiek. Eldonis: Deutsche Warte, Friedrichstr., 240, Berlin S. W. 48. — 24 paĝoj 19 1/2 × 13 1/2 cm. — Prezo M. 0.80 + 100 %.

Ni certe rajtas pretendi ke Esperanto taŭgas por esprimi ĉiujn ideojn. Jena broŝuro, kiu sin okupas precipe pri la terposeda reformo en germanujo, estas nova pravigo de tiu aserto. — La lingvo uzita estas flua kaj la stilo rekomendinda.

SES NOVELOJ el la Hungara Literaturo, de **Maŭro Jókai, Kolomano Mikszath, Francisko Herczeg, Francisko Molnar,** tradukitaj de J. de

Luczenbacher, Ferdinando Beck, Ludoviko Balint, kaj Agatha Hanziroviĉ.

32 paĝoj 15 × 12 cm. — Havebla ĉe Paŭlo Balkanyi, Hajosĝutca, 15-II, Budapest VI. Prezo: Fr. 1.—.

La fakto ke tiuj ses noveloj, eldonitaj kune en broŝura formato, antaŭ la milito jam aperis en «La Revuo» kaj «La Verda Standardo», estas garantio pri ilia taŭgeco. FR. DELGARBO.

# Konsiletoj al Tradukontoj

1. Ne tro penu traduki laŭvorte. La grava afero estas la fundamenta ideo de ĉiu esprimo uzita de la aŭtoro: kaj estas bone, sin apartigi de la vortoj mem kaj formi la ideojn nur enpense. Tiam, reformu ilin en vortojn, sed en Esperantajn vortojn anstataŭ en anglajn. Tradukante idiomaĵon oni zorgu pri la vera signifo kaj traduku nur laŭ tiu signifo.

2. Memoru, ke D-ro Zamenhof diris, ke la vera Esperanta stilo estas nur stilo simpla kaj logika kiu ne blinde imitas la stilon de tiu aŭ alia lingvo, sed havas sian karakteron tute specialan kaj memstaran. La Majstro plue diris, ke se iu tradukos en Esperanton laŭvorte el sia nacia lingvo, lia stilo estos malbona kaj sensenca.

3. Tial, ĉiam celu traduki klare kaj simple, memorante, ke vi tradukas por alilanduloj kiuj havas nenian scion pri la angla lingvo.

4. Bonaj gvidiloj por stilo estas **La Krestomatio** kaj ĝenerale la verkoj de Zamenhof, Kabe, Grabowski kaj aliaj konataj verkistoj.

5. Pro tio, ke la traduko super ĉio devas esti facile komprenebla kaj klara, samtempe enhavanta la ecojn de la originalo, estas bone, ke antaŭ ol traduki iun pecon, oni legu kaj relegu ĝin, ĝis oni estas certa, ke la esenca signifo de la tuto, kaj la interrilatoj de ĝiaj partoj, estas plene komprenataj. Poste tradukinte la pecon en Esperanton, oni metu ĝin flanken dum kelkaj tagoj kaj tiam ĝin reprenu kaj relegu, ne turnante sin al la originalo. Se en tiuj kondiĉoj la signifo de la tuto estas klara, kaj la frazoj fiue legeblaj kaj sen gramatikaj eraroj, la tradukinto povos esti kontenta, sed se ne, aŭ se oni devas sin turni al la originalo por trovi la ĝustan signifon, sendube estas en ĝi io ne bona, kion estos necese refari.

6. Tradukado ne povas esti farata laŭ precizaj reguloj. Kiel supre montrite, estas necese ke oni havu plenan komprenon de la originalo, kaj kompreneble ankaŭ de la signifo de ĉiu Esperanta vorto uzata. Oni do devas unue sin «identigi» kun la originala aŭtoro: kaj poste, sin transporti kvazaŭ en Esperanto-landon, por ke ĉiu vorto kaj frazo en la traduko estu tute logika kaj internacia. Oni fine legu laŭte la tradukon por kontroli ĝian «Esperantecon». Kaj oni ĉiam memoru, ke la tradukado de bonaj literaturaĵoj ne estas facila afero, sed ankaŭ ke, se oni **sufiĉe klopodas** kaj havas la kapablon por traduka laboro, oni povas prezenti per nia mirinda Esperanto la lingvajn nuancojn de preskaŭ ĉiu nacia verko.

(Represita el «LITERATURO»).